


N-ro 24 20.1.1973 kvina jaro, n-ro 1

Afergvidanto de AREK: Ivar PAULSSON, Algatan 3, S-171 33 SOLNA (Svedujo), p.ĉ.k. 51 57 85-4; redaktoro de"Fenikso": d-ro Antonio DE SALVO, via Olbia 15, I-00182 ROMA (Italujo).

KONSTANTA REVO DE REDAKTORO

estas, ke li havu ĉiufoje amason da kontribuaĵoj, el kiuj eltiri interesan enhavon por sia gazeto. Mi ne povas nei,ke ĉi-foje tiu revo realiĝis, ĉar mi havis je dispono por la nuna numero abundan materialon, tiel, ke mi jam povus grandparte pretigi ankaŭ la venontan numeron. Kaj oni ne povos nei, ke la ekzemplero, kiu hodiaŭ aperas, estas plenplena da novaĵoj. Tamen, mi ne estas tute kontenta, ĉar tre volonte mi estus rezigninta je kelkaj novaĵoj, kiujn vi povos tralegi en la postaj paĝoj: mi rilatigas min al la morto de amiko (v.paĝo 9), kaj al ĝena disputo (v.paĝo 11) pro bedaŭrinda miskompreno.

Aliflanke, jen ĝoja novaĵo: Frank Tichý "reaperis", kvankam tiu ĝojo estas mildigita de la konstato de la kaŭzoj, kiuj silentigis lin dum tre longa tempo.

Nova jaro ĵus komenciĝis: ke ĝi alportu personan prosperon kaj sukceson en la kolektado! LA REDAKT.

## PRI LA STAMPO-BANKO

Karaj geamikoj kaj samkolektantoj!

Mi devas peti pardonon, ke mi tiel longe ne donis vivsignon. Kaùzis tion niaj doganistoj, kiuj preskaù ne al lasas leterojn kun stampoj, eĉ se ili havas noton, ke temas pri E-stampoj. Ili ne komprenas filatelon, kaj vanaj estas protestoj. Tio min ege kolerigis kaj venenigis, kaj mi komence intencis fini Stampo-Servon kaj mian kolektadon entute! Sed dum somero venadis de kelkaj miaj fidelaj amikoj salutoj kun novaj stampoj, tiel belaj, ke mia kolero fordegelis. Vere viaj salutoj al mi multege helpis!

Dua, pli grava kialo estas, ke mia 11-jara filino printempe grave ekmalsanis. Post 4 monatoj en hospitalo ŝi estas nun hejme, sed devas kuŝi en lito kaj ne rajtas vizitadi lernejon. Do mi mem instruas ŝin laù lernolibroj, ke ŝi ne perdu tutan lernej-jaron. Tio postulas multe da tempo. Kaj la tagoj tiel rapide forpasas, el semajnoj estas monatoj kaj amaso da nerespondítaj leteroj kreskas. Krome estas ĉiam io farenda en mia malnova domo kaj granda ĝardeno, kiom mi plenumas malfacile pro mia mallerteco kaj korpdifekto.

Mi scias, ke pro mia silento vi mem klopodis akiri novajn E-stampojn. Do mi ellaboris liston pri ĉiuj al mi konataj E-stampoj de 1972. Forstreku afable stampojn, kiujn vi de mi ne plu deziras, kaj sendu la liston, mi klopodos akiri la mankantajn. Krome min informu, se vi scias pri aliaj stampoj aù pluaj detaloj.

Mi esperas, ke mia longa silento ne rompos nian nunan amikecon, kaj dankas pro via pacienco. Skribu baldaù!

Kun bondeziroj por nova jaro finas kaj restas via sincera Frank TICHY

582 51 ŜLAPANOV 87, Ĉeĥoslovakujo

PROVIZORA LISTO DE E-STAMPOJ 1972

1 SOPOT 1 Pollando 2.2. Lernu Esperanton
2 NANTES Francujo 15.2-6.4. maŝina varbstampo, 64-a E-kongreso
3 SOPOT 1 Pollando 20.2. Semajno Intern. Amikeco
4 POZNAŃ 9 Pollando 8.3. Intern. Tago de Virinoj
5 CORDOBA Argentino 1.4. 17-a nacia E-kongreso
6 SOPOT 1 Pollando 4.4. Filatela ekspo
7 SOPOT 1 Pollando 4.4. Malfermo de E-Muzeo
8 PORTLAND Usono ekde 1.5. varbstampo por la 57-a U.K. (Welcomes)
9 LUGANO Svisujo 8-10.5 ornama apudstampo por la 24-a IFEF-kongreso
10 BRAUNSCHWEIG 1 Germanujo Okcid. 19-22.5 50-a Nacia E-kongreso
11 VÅSTERAS (Svedujo) 20-22.5. Sveda E-kongr.
12 POZNAN 2 Pollando 11.6. Internacia Foiro
13 GYULA Hungarujo 9-15.7. 10-a Somera Esperanto-Universitato
14 TAKAMACU Japanujo 15-16.7. 59-a Japana E-kongr.
15 TORUŃ 1 Pollando 16-22.7 28-a TEJO-kongreso
16 BUDAPEST Hungarujo 17-23.7 Hungara Kulturfest.
17 VIGO Hispanujo 20-25.7 32-a Nacia E-kongr.
18 GDANSK 1 Pollando 22-25.7. Balta maro - maro de paco
19 KUOPIO Finnlando 22-29.7 45-a SAT-kongr.
20 ABALIGET Hungarujo 24.7-1.8. 5-a IREN (Intern. Renkontiĝo E-Naturamika)
21 PORTLAND Usono 29.7.-5.8. 57-a U.K.
22 SOPOT Pollando 12.8. 60 jaroj de la 1-a E-sta
23 SOPOT 1 Pollando 23-26.8. 12-a Festivalo de kanzono
24 PISA Italujo 18.9. 43-a Nacia E-kongr.
25 MIĘDZYGORZE Pollando 18.9-1.10 La Ora Pola Aŭtuno

| | | |
|---|---|---|
| 26 OŚWIĘCIM 1 | Pollando | 30.9. Simpozio "Esperanto en filatelio" |
| 27 KRAKÓW 1 | Pollando | 1.10. 60 jaroj de la 1-a E-stampo |
| 28 CLERVAUX | Luksemburgo | 6-9.10. Fervojista E-kongreso plurlanda |
| 29 OLSZTYN | Pollando | 9-15.10. Intern. Semajno de korespondado |
| 30 BIAŁYSTOK | Pollando | 9-15.10. Intern. Semajno de korespondado |

oooooooooo0000oooooooooooo

NANTES 1972: KELKAJ KLARIGOJ

En la numero 21 de "Fenikso" mi legis la tekston pri la varbstampo de NANTES rilate la nacian kongreson 1972-an de U.F.E.

Mi posedas kovertojn kun la dato "10.2.1972", sed mi opinias, ke la unua tago de uzado estis la 10-a de januaro 1972; la lasta tago verŝajne estis la 4-a de aprilo 1972.

Ĉu mi povas indiki la (francan) manieron por indiki tekston de varbstampo: estas kutimo meti la[illegible] signon / je la fino de ĉiu linio de la stampo. Tiel por Nantes oni skribas tiamaniere:
ESPERANTO/ 64è CONGRES NATIONAL/ NANTES PAQUES 72

J.A.ROUSSEAU, PARIS (Francujo)

NOVA MEMBRO: Gilbert CHAMPAGNE (n.54)
19, rue du Rajat F87000 LIMOGES (Francujo)
kolektas: E-pm, E-sta, MK.

Poŝtaj kodnumeroj: Jean AMOUROUX, 1 rue de Sorède, "Moulin-à-Vent", F-66000 PERPIGNAN (Fra); Frank TICHÝ, 582 51 ŠLAPANOV, Ĉeĥoslovakujo; Zsolt GYARMATHY, Aprilis 4 tér 28, H-5700 GYULA (Hungarujo).

NOVAJ ESPERANTAJ STAMPOJ 1972 (daŭrigo kaj fino)

- POZNAŃ 2(Pollando) , 13.6.1972 (tiu dato estas sur mia ekzemplero; laŭ Tichý ekzistas ankaŭ 11.6.1972) : Internacia Foiro. Teksto en esperanto kaj pola: INTERNACIA FOIRO EN POZNAŃ / POZNAŃ 2/41 MIĘDZYNARODOWE TARGI POZNAŃSKIE. Pluraj samcentraj cirkloj kaj, interne, simbolo de la Foiro (litero P kun flugiloj, kiuj memorigas la grekan dion de komerco);

- MIĘDZYGÓRZE (Pollando), 18.9-1.10.1972, 8-a Internacia Esperantista Ferio. Teksto en esperanto kaj pola: FPW/"LA ORA POLA AŬTUNO"/ VIII MIĘDZYNARODOWE/ WCZASY ESPERANCKIE/ MIĘDZYGORZE 18.IX-1.X.1972. Vidaĵo de la montara gastejo kie la Esperantista Ferio havas lokon, kaj kvinpinta stelo kun litero E; temas pri apudstampo;

- OSWIECIM 1 (Pollando), 30.9.1972: Simpozio "Esperanto en filatelio" (eble mi preferus filatelo: N.D.R.); teksto en esperanto kaj pola: SIMPOZIO "ESPERANTO EN FILATELIO"/SYMPOZIUM "ESPERANTO W FILATELISTYCE". Portreto de d-ro Zamenhof kaj indiko L.L.ZAMENHOF;

- KRAKÓW 1 (Pollando), 1.10.1972: 60-jara datreveno de la unua E-stampo; teksto en pola kaj esperanto: IV OGOLNOPOLSKIE SPOTKANIE KLUBU/PZF "ESPERANTO" (traduko: 4-a tutpola renkontiĝo de la klubo "Esperanto" ĉe Pola Filatela Societo)/60-J DATREVENO/DE LA UNUA ESPERANTA POŜTSTAMPO ; la bildo montras reproduktaĵon de la stampo de Krakovo 1912, kaj emblemon de la Filatela Klubo "Esperanto" en Krakovo (tri turoj stilizitaj, litero K kaj krono);

-CLERVAUX (Luksemburgio), 6-9.10.1972, Komuna

kongreso de la esperantistaj fervojistoj de pluraj landoj eùropaj (luksemburgaj, okcidentgermanaj, francaj kaj belgaj, kun partopreno de alilandaj E-fervojistoj), sub la aùspicio de FISAIC (Internacia Federacio de la Fervojistaj Asocioj, kiuj interesiĝas pri kulturaj kaj distraj agadoj de la fervojistoj); teksto en franca: CONGRES DES CHEMINOTS ESPERANTISTES (traduko: Kongreso de la esperantistaj fervojistoj) -FISAIC; emblemo de IFEF (fervoja rado kun flugiloj, kvinpinta stelo interne de du cirkloj, literoj IFEF; la tuto interne de ŝildo);

- OLSZTYN 1 (Pollando), 9-15.10.1972: Internacia Semajno de korespondado. Teksto en pola kaj esperanto: MIĘDZYNARODOWY TYDZIEN PISANIA LISTOW / INTERNACIA SEMAJNO DE KORESPONDADO/ la bildo montras poŝton kun 5 floroj, kaj koverton el kiu eliras folio;

- BIAŁYSTOK (Pollando), 9-15.10.1972, Internacia Semajno de korespondado. La stampo estas menciita de Tichý, sed ĝis nun mi ankoraù ne vidis ĝin.

Mi dankas la amikojn, kiuj sendis al mi ekzempleron de la novaperintaj stampoj: SOBIECH, MAJEWSKI, BIELAK, BECHTOLDT, MIKULSKI.

Mi posedas ankaù ekzempleron kun verda stampo de ABALIGET 1972 (vidu la mencion de la nigra stampo en alia numero de FENIKSO), sed mi dubas, ke ĝi estas oficialaĵo. Antonio DE SALVO, ROMA(ITA)

oooooooo00000000ooooooo

POŜTAJ KODNUMEROJ: Vladimir BREJNIK, 411 17 LIBOCHOVICE 679, Ĉeĥoslovakujo; Gustave CHAMARET 59, rue Jean Jaurès, F-76410 ST.AUBIN LES ELBEUF, Francujo. NOVA ADRESO: Arie LAKEMOND, Marezatenstraat 7, NL-6708 APELDOORN, Nederlando.

AFRANKSTAMPOJ 1972/1973

Mi ricevis de s-ro AMOUROUX afrankstampon de 1972 ankoraŭ ne menciita, en FENIKSO; temas pri nederlanda ruĝa afrankstampo, uzata en SLIKKERVEER; mia ekzemplero havas la daton 19.X.1972. La aparato havas numeron FR 10300; la bildo montras muzikajn notojn kaj la vorton en esperanto KLAVARSKRIBO. Pliaj detaloj (dato de komenco de uzado, uzanto, eventuala interpreto de la muzikaj notoj) estos bonvenaj.

Krome, mi jam ricevis ekzemplerojn de la konataj afrankstampoj PICKEL, uzitajn en 1973. Temas pri la tipo "ESPERANTO AKTUELL/Germana Esperanto Revuo" (mia ekzemplero havas la daton de 4.1.1973) kaj la tipo "ESPERANTO/Lehr- u.Wörterbücher/Zeitschriften, Literatur" (mia ekzemplero havas la daton 9.1.1973).

Antonio DE SALVO, ROMA (ITA)

PRI KOLORAJ E-STAMPOJ

Mi opinias, ke ne estas ĝuste, ke "stampoj kun koloraj inkoj ne estas oficiale". En mia lando ĉiu poŝtejo uzas oficiale nigran inkon por korespondaĵoj. Se temas pri memoraj E-poŝtstampoj poŝtejoj ankaŭ stampas ilin per nigra inko. Tamen interesuloj kunportas kolorajn inkojn, kaj petas poŝtiston stampi per tiuj koloroj. Tamen poŝtoficisto mem ne volas stampi, ĉar li oficiale ne povas, sed donas la stampilon al interesulo por momento, kaj tiu mem stampas per diversaj koloroj. Tiamaniere la koloraj stampoj havas la saman signifon kiel kun nigra inko, kaj oni ne povas maloficialigi oficialan poŝtan stampon nur pro tio, ke ĝi havas alian koloron. Estas landoj, kiuj oficiale uzas ruĝan koloron, kiel Japanujo, kaj neniu kolektanto protestas pro tio.

W.S. MAJEWSKI, WARSZAWA (POL)

ĈU 2 TIPOJ POR LA STAMPO BERN 1913 ?

Mi posedas 2 kartojn stampitajn per la malofta unua svisa E-stampo BERN 1913. Ambaŭ stampaĵoj estas similaj laŭ la ĝenerala aspekto, sed la prezento de la dato estas malsama. Jen kiamaniere aspektas la centra parto de miaj stampoj:

1-a tipo : ĝi estas tiel priskribita en la "Enciklopedio de Esperanto" 2-a volumo, paĝo 450, sed kun alia dato:

29.VIII.13.--2    la streketo post la dato estas longa 3 milimetrojn

2-a tipo:

31.VIII.13.X --    - 3-milimetra streketo ne plu sekvas la daton;
- X anstataŭ araba cifero sekvas la tagdaton;
- streketo 1,5-milimetra finas la tuton.

Kiu povas klarigi tiujn diferencojn? Ĉu 2 malsamaj stampiloj estis uzataj?

Jean AMOUROUX, PERPIGNAN (FRA)

ooooooo000000ooooooooo

Je la pago de jarkotizoj la membroj ofte volas ricevi konfirmon, kaj do sufiĉe da korespondado; mi respondas iom post iom, ili scias, ke mi ĉiam respondas, nur kelkfoje oni devas atendi pro manko de tempo.

Koncerne la glumarko-katalogojn, ĉar estas malfacile ricevi la ekzemplerojn ekzistantajn ĉe la vidvino de s-ro Jensen, mi solvis la aferon per kopiado.

Baldaŭ devos aperi en FENIKSO raporto pri la kaso; mi pretigos ĝin apenaŭ eble, iom malfacile hodiaŭ pro la forpaso de Jenesen.

Ivar PAULSSON, SOLNA (Sve)

"KUN FUNEBRAJ SENTOJ NI SCIIGAS VIN, KE NIA AMIKO, KARMEMORA SAMIDEANO KAJ KUNBATALANTO

D-RO BÁLINT SZEMENYEI

EMERITA DISTRIKTA JUĜISTO, KOMITATANO KAJ DELEGITO DE UEA, SEKRETARIO DE 2-A TERITORIA KOMITATO DE H.E.A., KONSILANTARANO DE S.E.U., MEMBRO DE PLURAJ ORGANIZAĴOJ, POST MALLONGA SUFERADO

MORTIS.

LI VIVIS 66 JAROJN.
La 7-an de decembro 1972, Orosháza, Hungarujo.
2-a Teritoria Komitato de Hungara Esperanto-Asocio".

La supran funebran anoncon transsendis nia AREK-ano GYARMATHY. La subita sciigo profunde kortuŝis nin, kaj certe aparte trafos la diversajn AREK-anojn, kun kiuj la mortinto korespondadis. Li ripozu en paco!

oooooooooo000000oooooooooo

ANONCO: Mankas al mia kolekto jenaj poŝtmarkoj:
la 3 hungaraj sendentaj (2 de 1857, 1 de 1962);
la 300-dinaraj el Jugoslavio kaj Triesto;
la sovetaj de: 1927 - 40-a jubileo de Esperanto, kun filigrano;
- sama sendenta;
- sama sen filigrano kaj sendenta;
1930 - Centra Telegrafejo dentumita 10 kaj 1/2
1941 - ĉiuj surpresitaj de la germana armeo;
la bavara pm kaj la aŭstra aerogramo.
PAUL J. MIMLITSCH, 69 Blanchard Road, MARLTON, NJ 08053, Usono

PRI FORTALEZA (BRAZILO) 1964-a

La brazila stampo Fortaleza 1964-a estas poŝta. Ĉar dubo pri poŝta origino ekzistis, prudente kaj prave s-ro Burmeister signis la koncernan stampon en la lasta stamp katalogo per (+). Tre cerbumigis min la 3 literoj D.C.T. kiuj estas sur la supra parto de la desegnita libro. Mi penis pri "Departamento aŭ Distrikto aŭ Direkcio (aŭ io simila en la portugala lingvo) de Correios (esperante = Poŝto) Telegrafo. S-ro Burmeister konsentis pri la ebl eco. Finfine la pruvon donis al mi s-ro Werner Simon sendante specimenon de brazila poŝta afrankostampo kun, en la ronda datparto, la 3 literoj D.C.T. Do temas pri siglo, kiu oficialigas kiel poŝta la stampon, sur kiu ĝi estas. Konsekvence dubo ne plu estas: la brazila stampo Fortaleza 1964 estas vere poŝta. Bedaŭrinde tiun stampon mi neniam vidis perfekte klare legebla.

Jean AMOUROUX, Perpignan (FRA)

PRI AŬSTRAJ E-FILATELAĴOJ

Mi ĵus eksciis, ke la Kufstein-a kongreso estis planita por aŭgusto 1947 kaj ke la stampo estis uzita dum duona horo je la 29.8.1947. Pro bestara epidemio oni poste aranĝis la kongreson en oktobro, sed stampoj de la aŭgusta dato ekzistas.

Ankaŭ interesos, ke la aŭstra poŝtkarto kun la verda poŝtmarko estis private mendita kaj ke 2.500 ekzempleroj estis presitaj. En kelkaj landoj, ja, oni povas mendi surpreson de poŝtmarko sur privataj kartoj aŭ kovertoj, se minimuma kvanto estas mendita.

Werner SIMON, MEMPHIS (USA)

ooooooooooooooooooo000ooooooooooooooooooooooooo

Ĉu vi jam pagis la kotizon de 8 respondkuponojn por 1973-a? Se vi ankoraŭ ne tion faris, bonvolu rapidi, memorante, ke tuja pago estas grava helpo por AREK.

# PRI LA KRAKOVA ŜTAMPO DE 1912

Ni ricevis, kun peto pri publikigo en la plej nova nu mero de "Fenikso", ĉi tiun leteron:

"Ege koleris min la artikolo pri la Krakova stampo de 1912-a de R.Burmeister en "Fenikso" n.23, ĉar mi ankaŭ persone ĉeestis tie kune kun aliaj samkolektantoj. Tute ne estas vero, ke hazarde alveninta neesperantisto kun la Krakova stampo de 1912-a estis dum la 8-a U.K. en kongresejo, certe ne, ĉar li estas tro ju na, kaj li mem deklaris, ke li ne estis tie. Tro rapida decido de R.B. ke la stampo estas falsa ne estas serio za, ĉar oni devas kompari kelkajn samajn stampojn kaj doni ĝustan opinion. Mi ne konsentas ankaŭ kun sciigo ke antaŭ 5 jaroj aperis duoblaĵoj de Krakovo 1912-a, kaj kun tio, ke antaŭe ĉi stampo estis tute netrovebla. Mi respondas, ke se oni nenion serĉas do nenion trovas. Ankaŭ la Pariza stampo de 1914-a estas netrovebla, tamen sinjoro Amouroux trovis ĝin - do ĉu mi devas opinii, ke ĝi estas falsa? Finante mi konkludas, ke ni ne tro rapide forĵetos la stampojn el propraj kolektoj havante ilin al tiuj kolektantoj kiel ekzemple R.B. al kiu la krakova stampo plue mankas".

Stanisław BIESIADA, CZĘSTOCHOWA (Pol)

Rimarkigo de la redaktoro: Mi sincere bedaŭras, ke nia membro s-ro BIESIADA sentis sin ofendita pro la artikolo de s-ro BURMEISTER, kiun mi mem eltiris el privata letero, kvankam kun la opinio, ke mi faras nenian misuzon. Lerninte de tiu okazo, mi petas, ke skribante al mi oni bonvolu, eventuale, mencii, ĉu la informoj estas donitaj nur konfidence. Dankon.

Koncerne la esencon de la problemo, ĉu la Krakova stampo estas poŝta, estus interese aŭdi ankoraŭ aliajn opiniojn.

Antonio DE SALVO, Roma (Ita)

## PRI LA AFRANKOSTAMPO "KEHLET"

En la numero 21 de "Fenikso" oni demandas, ĉu la afrankostampo de Torben KEHLET estas ankoraŭ uzebla. Jes, oni uzis ĝin ankoraŭ en julio 1972 ĉar kiam mi legis artikolon pri tiu stampo, tuj mi skribis kaj mi ricevis la deziratajn afrankstampojn. Laŭ mi, oni ne povas konsideri ĝin kiel "Esperanto-stampo", ĉar ne estas kribita la vorto Esperanto aŭ teksto en nacia lingvo pri esperanto, aŭ en esperanto. En filatela ekspozicio oni ne povas prezenti tiun materialon kiel Esperantaĵon. Aliaj kolektantoj povas havi tute alian opinion. Laŭ mi, estas necese koni, ĉu oni listigos ĝin en katalogo. Nur la kolektantoj povas diri!

Gustave CHAMARET, ST.AUBIN LES ELBEUF (FRA)

## ESPERANTA GLUMARKO

Ĵus aperis pri la regiona E-kongreso en BALARUC-LES-BAINS (Francujo). La grandformata, ronda glumarko, verŝajne koncepita por algluado sur vitroj, diras: ESPERANTO/ LANGUE UNIVERSELLE/CONGRES REGIONAL/LANGUEDOC-ROUSSILLON/BALARUC-LES-BAINS/(HERAULT)/19-MARS-1972 (traduko: Esperanto, universala lingvo, regiona kongreso Langdoko-Ruziljono). Bildo blua de velboato, verda esperanto-stelo. Ekzempleron de la glumarko sendis Jean AMOUROUX.

)))°°°°°°°°°0000000000°°°°°°°°°°°((((

Mi serĉas (interŝanĝo aŭ aĉeto) specialajn stampojn kaj unuatagajn kovertojn el ĉiuj landoj kaj pri ĉiuj temoj; bonvolu fari ofertojn!

D-ro Antonio DE SALVO, via Olbia 15
I-00182 ROMA (Italujo)

$$$$$$$$$$000000$$$$$$$$$$